


OKTOBRO / DECEMBRO 1957

JARO 10a

Nro 1/2

Sekretariejo: Orteliusstraat 108''', Amsterdam - Redaktejo: von Liebigweg 26, Amsterdam Nederlando

# EMOCIA NOKTA KUNVENO

En la komenco de julio mi iris kun nia sekretario Lok al urbeto Apeldoorn por interkonsiliĝi kun la nova presisto pri nia Bulteno.

La kunveno portis bonajn rezultatojn, tiel ke mi lasis en la presejo la jam kunportitan kopion por la aŭgusta numero.

En la fino de julio mi ricevis la presprovon, kiu — ho ve! — tute ne plaĉis al mi, ĉar la mezuro de la literoj, kiujn ni mem elektis, nun ŝajnis al mi tro malgranda.

Post longa hezitado mi decidis ordoni al la presisto denove komposti la tutan kopion, kaj uzi por tio pli grandan literon.

Por ne perdi tempon, mi tuj biciklis al Lok, kiu espereble aprobos mian decidon.

Montriĝis tamen, ke nia sekretario tute ne subtenis mian opinion; male, li konstatis gravan pliboniĝon en la montrita presprovo, kaj entuziasme li certigis, ke la definitiva eldono de Bulteno sendube aspektos tre bona. Ne povante konvinki min, li insiste petis ke mi nepre prokrastu mian decidon, kaj ke mi petu la opinion de aliaj estraranoj.

Kiam en la sekvinta tago evidentiĝis ke kolego Hoen — mia helpanto en la redakta laboro — forte subtenis mian opinion, mi decidis tamen efektivigi mian planon.

Venis en la vespero k-do Lok. Kun novaj argumentoj li penis persvadi min. Li pasigis sendorman nokton pro mia fatala plano. Sendube la nova Bulteno estos grava plibonigo, kaj nova kompostado postulos netolereblajn altajn elspezojn. Ankaŭ la kasisto jam protestis kontraŭ mia intenco, asertante ke la alta kosto de refoja kompostado endanĝerigas la regulan aperon de Bulteno.

Nia diskutado fariĝis tre vigla, kaj daŭris tiom longe, ke mia edzino fine admonis nin lasi la aferon kaj enlitiĝi. Nia sekretario do foriris, kaj nekontenta pri la dubo kiu regis min, mi enlitiĝis.

Post preskaŭ unu horo— jam pasis noktomezo — aŭdiĝis forta frapado sur la loĝeja pordo. Mi stumblis el la lito kaj malafable demandis kiu tiom bruske ĝenas min en tia malkonvena horo.

Repondis la voĉo de Lok, kiu petis min tuj veni al kunveno en lia hejmo. La aliajn estraranojn li jam avertis.

Malkontenta mi vestis min por la preskaŭ tuthora biciklado al la hejmo de nia sekretario.

Kiam mi eniris lian ĉambron, la jam ĉeestantaj estraranoj iom malvarme salutis min. Kun severa mieno, kaj ŝajne tre malkontenta, envenis ankaŭ prezidanto Stapel. Sen ajna enkonduko li komencis oratori pri certaj pedantaj estraranoj, kiuj ne hezitas endanĝerigi la ekzistadon de bela organizaĵo nur, ĉar ili volas altrudi propran opinion.
*Dum tiu parolado kasisto Biesheuvel provoke ludis per malplena monujo, malrapide* turnante ĝian internon eksteren.
La pipo de Drijfhout produktis grandajn fumnubojn, tiel ke en la ĉambro ŝvebis preskaŭ netravidebla nebulo.
Por iom fortigi la al mi direktitajn kondamnojn, nia prezidanto pugnobatis la tablon tiom forte, ke renversiĝis inkujo.
Lok koleregis, kaj kiam mi persistis ke en la presprova formo Bulteno ne aperos, ekestis granda tumulto.
K-do Hoen — kiu defendis mian starpunkton — saltis al la telefonaparato, kredeble por averti la hospitalon.
Post kelkaj minutoj envenis du policanoj. Unu el ili estis Per Tandlund el Norrköping, kiun mi jam antaŭe vidis en tiu funkcio. Li venis por defendi plej karan amikon Jan Lok, kaj li celis al mi sian pafilon, ŝarĝitan per florbulboj, kiujn mi sendis al li antaŭ du jaroj. Severe li ordonis: „Obeu la volon de via sekretario; senprokraste!"
Dume lia kolego kaptis miajn ŝultrojn kaj forte skuis min. Iu ekbruligis blindigan elektran poŝlanternon por trabori la fumnebulon. Mi baraktis por liberigi min el la forta premo de mia atakanto, kaj sukcesis turni min por doni al li solidan vangofrapon. Aŭdante lian vekrion mi larĝe malfermis la okulojn kaj rigardis en la vizaĝon de mia edzino, kiu malkontente grumblis: „Bonvolu fine lasi lamentadojn pri via malbenita gazeto, kaj ekdormu. Vi preskaŭ mortigis min!"
Post tiu nokta spektaklo mi korektis la presprovon kaj resendis ĝin kun la nura rimarkigo, lasi iom pli da spaco inter la diversaj artikoloj.
Bonŝance la ricevita numero faris pli bonan impreson ol la presprovo, ĉar ĝi estas agrable ornamita per kelkaj vinjetoj. Tial ĝi ankaŭ nun aperas en sama formo.
Kritikojn ankoraŭ akceptas kaj por ricevitaj laŭdoj dankas

la Redaktoro



## INVITO

Ĉar nia federacia kaso suferas anemion, ni estas devigataj kunigi la oktobran kaj decembran numerojn de Bulteno.
La financa stato necesigas nin ankaŭ rezigni pri nia intenco eldoni ampleksan jubilean numeron okaze de nia deka kongreso.
Ni esperas ke tiu simptomo estas averto por la landaj asocioj baldaŭeble pagi al nia kasisto la ŝuldatan kotizon.
Espereble la sekvonta numero de Bulteno aperos en la fino de januaro.
**Kongresproponojn oni sendu nepre antaŭ la unua de januaro.**

la Estraro

## UNUA KONGRESA BULTENO
## Oktobro 1957

10-a (jubilea) I.F.E.F.-kongreso en Aarhus, Danio, de la 10-16a de majo 1958.
Adreso: 10-a IFEF-kongreso, poŝtfako 200, Hovedpostkontoret, Aarhus, Danio.
Bankkonto: 10-a IFEF-kongreso, 5130, Arbejdernes Landsbank, Aarhus, Danio.

---

**Protektanto:** Ministro por internaj aferoj, S-ro Søren Olesen.

### Loka Kongresa Komitato:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Prezidanto | I. Kensing | Loĝado | W. Brændstrup |
| vicprezidanto | N. C. Thorsted | ekskursoj | Ch. Jensen |
| sekretario | J. Christoffersen | informejo | E. Christensen |
| helpsekretario | K. Stampe | libro-servo | R. Mikkelsen |
| kasisto | E. Sørensen | ornamaĵo | K. Clemmensen |

### Helpantoj:

F-inoj: Birgit Hviid, Erna Krogh, s-roj: E. D. Bitsch, A. F. Clasen, K. Fisker, Sv. Hvass, P. A. Jakobsen, F. E. Møller, P. E. Nielsen, P. C. Pedersen, A. Rasmussen, A. R. Sørensen, Lind Thomsen.

---

### Provizora programo:

10/V sabate: Malfermo de akceptejo kaj kongresejo, kunveno: IFEF-estraro kaj LKK.
11/V dimanĉe: Solena malfermo, fotografado, kunveno: IFEF-estraro kaj landaj delegitoj.
12/V lunde: Laborkunvenoj, sinjorinaj ekskursoj, festvespero.
13/V marde: Laborkunvenoj, faka prelego, sinjorinaj ekskursoj, amuza vespero.
14/V merkrede: Terminar-kunveno, privata filmprezentado, filmvespero.
15/V ĵaŭde: Tuttaga ekskurso.
16/V vendrede: Vizitoj en fabrikoj, kongresa balo kun surprizo, solena fermo de la kongreso.

---

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| **Pagoj:** | Kongresano | danaj | kronoj | 36,00 |
| | Familiano, pensiulo, lernanto | „ | „ | 18,00 |
| | Simpatianto | „ | „ | 10,00 |
| | Tuttaga ekskurso (vidu sub informoj!) | „ | „ | 18,00 |

---

### Ĝeneralaj informoj:

**Korespondado:** Uzu nur Esperanton. En landoj, kie estas IFEF-sekcioj, LKK petas la sekciojn kolekti la korespondaĵojn de sia sekcio por faciligi kaj malmultigi la korespondojn.
Izoluloj, skribu rekte al LKK!

**Poŝtadreso:** 10-a IFEF-kongreso, poŝtfako 200, Hovedpostkontoret, Aarhus, Danio.

**Kiel pagi?:** Rekte al nia bankkonto: 10-a IFEF-kongreso, 5130, Arbejdernes Landsbank, Aarhus, Danio aŭ
al via landa IFEF-sekcio, delegito.

**Kotizoj:** La kongreskotizo inkluzivas pagon al ĉiuj aranĝoj, ankaŭ la vesperaj. Ekstra vi pagu por nur la tuttaga ekskurso kr. 18,00, kiu sumo inkluzivas: Aŭtobuson, lunĉon, kafon kaj tagmanĝon.

**Aliĝilo:** La aliĝilo estas grava dokumento, do, notu ĉion klare kaj preslitere. Vi faciligas la laboron por LKK, se vi atente tralegas la aliĝilon kaj notas ĉion akurate. Dankon!
Sendu aliĝilon kun samtempa pago.
La kongreskotizo restas posedaĵo de LKK, ankaŭ se vi ne partoprenas la kongreson.

**Limtago:** Limtago por aliĝo estas la 15-a de aprilo 1958.

**Loĝado:** 1 lita ĉambro kostas d. kr. 15—16
2 „ „ „ „ 13—15 po lito
3 aŭ 4 lita ĉambro „ 11—13 „ „
ĉi tiuj prezoj inkluzivas matenmanĝon kaj servmonon.

Estas rekomendinde aliĝi sin kiel eble plej frue por havi la plej malmulte kostajn kaj la plej proksimajn hotelĉambrojn.

Kelke da senkostaj loĝejoj ĉe Esperantistoj estos riceveblaj; precipe al tiuj, kiuj havas malfacilecon por havigi valuton.

**Mono:** En la venonta kongres-bulteno vi trovos kurztabelon kaj informon pri vizo k.t.p.

**Tombolo:** Profite al nia IFEF-bulteno LKK aranĝos tombolon, al kiu ni petas la kongresanojn kunporti kontribuon, kaj tuj post la alveno liveri tiun al la librovendisto en la kongresejo.

**Venu multnombre kaj aliĝu vin kiel eble plej frue!**

Koran bonvenon al la deka!
LKK

## PRI LA TERMINARA LABORO

En sia raporto sendita al nia 9a kongreso en Rijeka, la gvidanto de la Terminara Komitato, sinjoro Gernot Ritterspach, sciigis ke espereble en ĉi tiu aŭtuno li povos rekomenci la, pro deĵora neceso interrompitan laboron por nia terminaro.
Esperante ke kolego Ritterspach povos plenumi tiun promeson, ni presigas ĉi sube kelkajn leterojn ricevitajn pri tiu temo.
Unue ni presigas partojn el leteroj de hungara amiko Endre Karoly, Rottenbiller U. 46 b. Budapest, kiu jam kolektis grandegan trezoron da vortoj uzataj en fervoja trafiko.
Ŝajnas al ni rekomendinde interrilati kun tiu amiko por ke nia terminara laboro faru grandan paŝon antaŭen.
Espereble ankaŭ la aliaj leteroj povos iom utili al la plenumado de la malfacila tasko de nia TK.

S-ro Endre Karoly, Rottenbiller U 46.b, Budapest, skribas:

„En Budapest estas farata Hungara Esperanto-vortaro, ĉefe por esti uzata de komercistoj kaj fervojistoj.
Ĝi havos du partojn. Unu parto estos varnomaro.
Ĝi jam estas preta en formo de pli ol 14.400 zorgeme prilaboritaj kaj alfabete ordigitaj slipoj, atendantaj la netskribadon.
La materialon de la Varnomaro grandparte disponigis la eminenta, malnova, Ĉeĥoslovaka samideano, s-ro Jozefo Rebiĉek, pensiumita fervoja ĉefkonsilanto en Olomouc, Ĉeĥoslovakujo.
La alia parto estos multe pli ampleksa. Ĝi estas destinita por servi kiel helpilo en la internacia korespondado de komercistoj kaj fervojistoj. Tiucele ĝi grandnombre entenos konvenajn ekzemplojn por faciligi la redaktadon.
Ĝia materialo estas ĉerpita el unu el la Internaciaj Konvencioj esperantigitaj de s-ro Jozefo Rebiĉek, plie el diversaj esperantlingvaj kaj Hungaraj presaĵoj.
La materialo de tiu ĉi parto ekzistas en formo de pli ol 50 miloj da slipoj alfabete ordigitaj.
Pli ol 30 miloj el ili jam estas finprilaboritaj en hungara alfabetordo. Ankoraŭ ok literoj de la hungara alfabeto atendas la prilaboradon."
En sekvinta letero sama amiko sciigas:
„Mi do nun scias, ke vi havis la afabecon konigi en la kongreso ankaŭ mian modestan laboron, kiun mi komencis antaŭ 10 jaroj.
Jes, mi laboras, mi daŭrigas kion mi komencis. La oktobraj kaj novembraj okazintaĵoj en nia lando reĵetis min por kelkaj monatoj, sed nun mi reprenis la daŭrigon de mia vortaro. La duono de la litero V jam estas prilaborita.
Intertempe, antaŭ la repreno, mi esperantigis (nur vortare) 50 paĝojn el hungara komercan servon de la fervojo.
Mi posedas tri esp-lingvajn tradukojn de s-ro Jozefo Rebiĉek, tradukojn de internaciaj fervojaj konvencioj. Por unu el ili, de tiu konvencio, kiu estis aplikebla de post la unua de oktobro 1938, mi posedas la hungaran tradukaĵon. Ĝojiga cirkonstanco. Mia laboro estas multe plifaciligita. Fakesprimoj hungaraj, la samaj en Esperanto, ĉu mi povus deziri al mi ion pli bonan por mia laboro? Mi nun povas prilabori la hungaran tekston kun helpo de tiel rutina tradukanto fervojista, kiel estas s-ro Jozefo Rebicek. Mi jam ekkomencis ĉi tiun laboron.
El la materialo Rosher en la jarlibroj de U.E.A. aperintaj en la jaroj 1952 kaj 1953 jam pli ol 300 terminoj ricevis siajn egalvalorajn hungarajn esprimojn."
Jen la plej grava parto el la leteroj de sinjoro Endre Karoly, kiu dum pli ol dek jaroj kolektis kaj tradukis grandegan trezoron da vortoj, uzataj en la fervoja trafiko.

## FERVOJA TERMINARO

La raporto de la Terminara Komitato ĉe la lasta Kongreso tre maltrankviligis min. Bonvolu permesi al mi, kiel malnova Esperantista Fervoja Inĝeniero, kiu de la jaro 1919 multe laboris por la eldonado de fervoja terminaro en Esperanto, rakonti miajn spertojn pri tiu celo.
Ĉirkaŭ 1923, mi, laŭ sugesto de S-ro Rollet de l'Isle, tiama estro por teknikaj vortaroj

por la Akademio, kunlaborante kun aliaj inĝenieroj, franca, germana, hispana, itala kaj rusa, ektradukis esperanten la 5an vol. de la Seslingva Ilustrita Teknika Vortaro de E. Schlomann. Post kvin jaroj de intensa laboro la traduko finiĝis, sed la Akademio ne havis rimedojn por ĝin eldoni.

I.A.E.F., la antaŭiranto de I.F.E.F., proponis ke ili ĝin eldonu. Mi, kiel estro de la tradukantoj konsentis al la transdonado de la originala manuskripto. Eĉ tiam la afero estis multe prokrastita kaj alvenis la 2a mondmilito kaj ambaŭ I.A.E.F. kaj la manuskripto perdiĝis.

Kiam I. F.E.F. stariĝis, mi donacis alian ekzempleron de la traduko al ili. Supozeble, ĉar la 5a vol de Schlomann ne enhavas la Trafikan Fakon, estis decidite uzi la „Lexique Technique Ferroviare" (L.T.F.) de S.N.C.F. kiel bazon.

Kiel vi scias, S-roj Blondeaux kaj aliaj tradukis la Franca-Germanan eldonon kaj mi, sola, tradukis la Franca-Anglan. Poste mi komprenis, ke pli moderna eldono de la Franca-Germana estas uzata kaj sur ĝi la Fervoj-teknika Leksikono de F.F.E.A. estas bazata. Ĉi tiu iom diferencas de la unua Franca-Germana eldono kiun mi posedas. Tial la paĝa kaj termina nombrado ne akordas kaj tio malfaciligis la laboron de komparado. Tamen mi havas preta, sliparforme, ambaŭ la Esperantan kaj Anglan tradukojn.

Nun mi sciiĝas ke S-ro Ritterspach proponas enkonduki eĉ unu plian vortaron, U.I.C.! S-ro Blondeaux atentigas ke ĝi enhavas nur trafikajn esprimojn. Sed F.T.L. jam havas ilin. Do, ĉi tiu enkonduko nur povas pli prokrasti la eldonadon, Ĉu ne?

DUME LA FERVOJISTOJ ESTAS SEN VORTARO!

Teknika vortaro, same kiel Enciklopedio postulas konstantan reviziadon, do, la PERFEKTA vortaro neniam povas esti eldonata.

Kial ne eldoni tion kion ni jam havas preta kaj lasi la perfektadon al aldonaĵoj de tempo al tempo?

**PRI NEOLOGISMOJ**

En la naciaj lingvoj miloj da teknikaj neologismoj estas enkondukataj ĉiujare kaj akceptataj pro tio ke la fakspertuloj opinias ke ili estas necesaj. Se ili montriĝas netaŭgaj ili baldaŭ malaperas por aliaj. Do, ni ne turmentu nin troe pri ili.

La neologismoj jam aperintaj en P.V.S. estas aprobitaj de Akademiano kaj nun la Akademio ilin kondamnas!?

Eĉ la akademianoj ne **ĉiuj** povas esti spertuloj pri ĉiuj fakoj kaj se ne, ili ne havas kompetenton decidi pri la taŭgeco de teknikaj neologismoj.

Ili funkcias precipe pri la vulgara lingvo. Kompreneble neniu deziras permesi ion ne fundamentan, ĉu teknike aŭ vulgare.

Do, ni ne lasu nin esti flankenpuŝataj koncerne neologismoj. La afero plej, grava estas, la baldaŭa apero de la Terminaro.

Mi, dum du jaroj atendas definitivan vortliston por fini mian taskon — la Esperanto-Anglo Terminaro sed tempo flugas kaj mi nun alproksimiĝas al mia 82a jaro.

Mi esperas ke vi komprenos mian maltrankvilon kaj pardonas ĉi tiun leteron. Mi daŭrigos kunlaboron dum mi poveblas sed kiom longe tio estos?

Samideane kaj fervoje via,

EDWARD M. ROSHER
Tamalpais, Kinsley Green Haslemere, Surrey, England

# IOM PRI LABORO DE LA TERMINARA KOMITATO

Leginte la diskutadon, kiu okazis dum la 9a pri la ĝis nun farita laboro por nia fakterminaro, mi ne povas liberigi min de la penso, ke iom de la laboro estas farita vane. Se la supozo estas ĝusta, la kazo estas domaĝo al la koncernatoj, kaj oni devas revizii la bazan elirpunkton por la plua laboro.

Plurfoje mi legis pri la grandega laboro, kiun Blondeaux kaj liaj francaj kolegoj faris por havigi al ni terminaron. Sed mi estas sciiĝinta, ke ankaŭ niaj germanaj kolegoj faris grandegan laboron por ĝi.

El la diskutado mi vidas, ke oni ne samopinias pri elekto de kelkaj terminoj.

La unua kondiĉo por ke sukcesu havigi al ni la longe mankantan kaj deziratan terminiaron, estas laŭ mia opinio, ke la komitatanoj el la grandaj landoj unue interkonsentu pri la elekto de la diversaj terminoj. Kaj tio estu ebla, ĉar oni supozu, ke faktermino havas la saman signifon ĉu tiu estas ĉerpita el la franca, germana aŭ la angla nomenklaturo. La jena demando laŭ tio estus: elekti la plej mallongankaj facile elparoleblan esprimon por esperanto.

Do, ĉio aldiras, ke la plej racia kaj tempoŝparanta maniero por la plua laboro estas, ke la grandlandaj komitatanoj plej eble baldaŭ interkonsentu pri la elekto de la esperanta esprimo. Se tio ne okazos mi timas, ke nia nederlanda kolego Labordus havos rajton dirinte, ke tro multe da ŝanĝoj de la proponitaj esprimoj multe malfaciligas la laboron de la komitatanoj.

Tial, estimataj kolegoj el la grandaj landoj, plej eble baldaŭ interkonsentu pri terminoj, kiuj estu elektitaj por esprimi la saman ideon.

Tiamaniere vi faras la deziratan bazan elirpunkton por la plua laboro ankaŭ por la komitatanoj el la malgrandaj landoj.

La menciita komento ne alcelas kritikon, ĉar tro malmulte mi mem havis okazon partopreni en la laboro por nia terminaro, kaj kun plej granda admiro kaj dankemo al niaj terminaraj gvidantoj, mi tutkore respektas kaj alttaksas ilian ĝisnunan laboron.

MAGNUS CARLSEN

---



## NI GRATULAS

La trian de aŭgusto naskiĝis en Verona ĉarma knabinieto

MARA MARIA

la unua filineto de nia aktiva juna ano kaj kara edzino

GINO KAJ BRUNA CORSO

En la nomo de nia anaro ni kore gratulas la feliĉajn gepatrojn.

La IFEF estraro

## KORAN BONVENON!!

Grandan surprizon alportis al ni la unua numero de „Hungara Fervojista Mondo", belaspekta, grandformata revuo kun riĉa enhavo. En ĝia entuziasma enkonduko la redakta komitato skribas interalie: „Per ĝi realiĝis nia iama deziro kaj sonĝo, pri kiu ni revis antaŭ dek jaroj, kiam ni komencis post la uragano de la dua mondmilito nian porpacan laboron inter la hungaraj fervojistoj. Tiutempe ni sukcesis atingi gravajn kaj konsiderindajn rezultojn, el kiuj la plej elstara estis la fakto, ke tri fervojistoj estis liberigitaj de la oficiala deĵoro por fari Esperantan kulturlaboron.
Pro miskompreno pri la Esperanta Movado ni estis haltigitaj, sed nun, kiam malfermiĝis la pordoj denove al la eblecoj, ni daŭrigas la interrompitan laboron kun la sama entuziasmo, vigleco kaj persistemo. Ĉie en la tuta lando vekiĝas niaj kolegoj, la iamaj samideanoj. Ili komencas labori, organizi kun ĝojo, amo, komprenemo kaj bona volo. Fondiĝis pluraj grupoj en la provinco kaj ankaŭ en la ĉefurbo.
La 9a Internacia Fervojista Esperanto-Fakkongreso donis ankaŭ al nia laboro gravegan moralan helpon, kiu ebligis al ni atingi ĝis nun kelkajn gravajn sukcesojn. Unu el ili estas nia Revuo".
Ĉi tiu unua numero aperas okaze de la Sepa Hungara Fervojista Tago. En sia artikolo pri tiu tutlanda fervojista festo la vicministro kaj Ŝtatfervoja Ĝenerala Direktoro Jozefo Németh skribas:
„Nia bona laboro kaj la konstanta plifortiĝanta internacia kunagado — kies efektiviĝon tre multe helpas Esperanto, la lingvo de la amo kaj kompreno — alportu por ĉiu honesta homo la sincere deziratan kaj per ĉies laboro akcelatan mondpacon!"
Ankaŭ Antono Szabo, la prezidanto de la Hungara Fervojista Sindikato salutas en la nova centra revuo la hungarajn fervojistojn esperantistajn kaj deziras al ilia laboro multan sukceson.
Ĉefkonsilanto D-ro Stefano Bácskai, kiun ni jam salutis en Rijeka, verkis por la revuo nacilingvan artikolon pri la fervojistaro kaj la internacia lingvo. Li rakontas pri la rezultatoj atingitaj dum 7 jardekoj, kaj pri IFEF kaj ĝiaj kongresoj.
Krom tio li verkis bonegan 6-paĝan artikolon esperantlingvan pri nia kongreso en Rijeka, ornamitan per belegaj desegnoj.
Fervoja Direktoro Ludoviko Végh verkis interesan artikolon pri Fervojistaj Eduk-institutoj, kaj Julio Baghy konstatas en artikolo: „Duobla Jubileo": „La vivo estas kontinua, la progreso nehaltigebla. Esperanto apartenas al la vivo kaj al la progreso".
Krom la nomitaj estas artikoloj: „Kio estas IFEF", „Niaj pioniroj", faka artikolo pri „Novaj hungaraj vagonoj", sporta, literatura, amuza kaj informa paĝoj, ĉio ornamita per plej belaj desegnoj.
Ni tutkore bonvenigas ĉi tiun novan kaj plej belan revuon en nia fervojista mondo, kaj kun respekto ni salutas la entuziasmulojn, kiuj sukcesis atingi tian belan rezultaton speciale por nia fervojista movado.
Kun larmoj en la okuloj mi pensas pri la kompatinda redaktoro de nia IFEF-bulteno, kiu post maksimumaj penadoj kaj elreviĝoj povas realigi nur minimumon de siaj moderaj deziroj.

DE JONG

# LA ĜENERALA KUNVENO DE LA F.I.S.A.I.C. 1957

*(Fédération Internationale des Sociétés Artistiques et Intellectuelles des Cheminots)*

okazis la 27/28an de majo en Montreux (Svislando). Entute 27 personoj el 10 landoj kolektiĝis por tiu interesa internacia manifestacio. La Ĝenerala Direkcio de la Svisaj Federaciaj Fervojoj efike subtenis la aranĝon kaj sendis kiel oficialan reprezentanton la vicestron de la Divizio por la Dungitaro, kiu inter alie ĝuste okupas sin ankaŭ kun la kulturaj kaj artaj societoj de la svisaj fervojistoj. Notu ke en Svislando la Kultura Organizo (Unuiĝo Arta kaj Intelekta de svisaj Fervojistoj) estas komplete sendependa de la Fervoja Administracio, kvankam tiu lasta konsentas regulan subvencion.

Kiel prezidanto de la Organiza Komitato funkciis k-go Bipp, estrarano de la Svisa Asocio de Esperanto-Fervojistoj. Por la unua fojo **la salutvortoj** ĉe la Malfermo de la ĝenerala kunveno FISAIC **estis prezentataj en Esperanto** (kun traduko en la francan lingvon). La ĝenerala prezidanto, s-ro. Mollion, Francujo, kaj la ĝenerala sekretario, s-ro. Birbaum, Svislando, multe simpatiis kun tiu ideo.

El la raportoj pri la diversaj artaj kaj intelektaj aktivecoj oni lernis ke ĉiam kreskanta nombro de tiaj naciaj kaj internaciaj manifestacioj okazas kun la subteno de la diversaj fervojaj administracioj ekz. ekzpozicioj de pentraĵoj kaj fotografaĵoj, literaturaj konkursoj en diversaj lingvoj, folkloraj aranĝoj, muzikaj prezentadoj, koncertoj, teatraĵoj, Esperanto-kongresoj, ktp.

La ĝenerala prezidanto Mollion ankaŭ raportis pri la **IFEF-kongreso en Rijeka.** Kun la **plej granda fervoro kaj elokventeco** li akcentis, ke la kongreso okazis sub **admirindaj kondiĉoj,** ke ĝi havis **tre grandan gravecon** kaj ke li nun ĉeestis jam kvar IFEF-kongresojn kiuj plene konvinkis lin pri **la utileco kaj neceseco de la internacia lingvo.** Li rekomendis al ĉiuj ĉeestantoj **subteni la Esperanto-movadon kaj lerni tiun lingvon.** A k c e l u t i u n m o v a d o n ! li elkriis. Oni fakte ne povus pli fervore kaj pli elokvente pledi nian aferon antaŭ la forumo de FISAIC kaj ni ŝuldas grandan dankon al s-ro. Mollion por tiu grava kaj efika morala subteno de IFEF. Okaze de la bankedo ĉiu delegito ricevis kolekton de belegaj prospektoj de Svislando kaj aldone ankaŭ la seslingvan propagandilon por Esperanto de UEA.

Sekvis i.a. ankoraŭ komunikoj pri kunsido de U.I.C. (Internacia Unuiĝo de Fervojoj) en Parizo, dum kiu oni fiksis sur internacia bazo la **transportfavorojn** kiujn oni konsentos por la internaciaj manifestacioj de FISAIC, de la Fervojistaj Sporta Organizo USIC kaj de la Turisma Organizo FIATC. Laŭ nova interkonsento la nomitaj organizoj ricevos 1 aldonan senpagan bileton por ĉiu manifestacio. Sed... oni precizigis ke tiu interkonsento **ne estas aplikebla por la Esperantistaj Kunvenoj** kaj por la Abstinenca Movado! S-roj. Mollion kaj Birbaum bedaŭras tiun diskriminacion kiu certe baziĝas sur miskompreno, ĉar la Esperantistoj-fervojistoj ja ankaŭ apartenas al FISAIC. Ili rimarke aldonis ke eble oni trovos ĉirkaŭvojon por tamen atingi ian favoron por la Esperanto-fervojistoj.

La duan tagon oni faris la oficialan ekskurson al unu el la konstruejoj de la Grande-Dixence apud Isérable. (Grande-Dixence nomiĝas vastega sistemo de akvokaptado por hidroelektra entrepreno en la Valeza altmontaro en Okcidenta Svislando). Post vizito de tunelo destinota por alkonduki la akvon el najbaraj valoj al artefarita lago, la entrepreno ofertis bankedon, dum kiu okazis diversaj mallongaj alparoladoj por danki

la gastaman entreprenon por la kora bonveno kaj brila gastigo. Laŭ instigo de s-ro. Birbaum, ĝenerala sekretario de FISAIC kaj prezidanto de la svisa kultura organizo de fervojistoj, la dankesprimo de k-go. Bipp okazis denove en Esperanto.
Malgraŭ tio ke la vetero estis absolute nefavora en tiu alie plej ĉarma regiono de Svislando, la tuta manifestacio pruviĝis laŭ ĉies opinio tre bona sukceso.

*Finrimarkoj:*

Se en aliaj landoj, ĉe estontaj okazoj, la Esperantistaj kolegoj bonvolos same kunhelpi ĉe la organizado de FISAIC-kunvenoj, ili havos bonegan ŝancon prezenti nian belan internacian lingvon antaŭ tiu forumo, kiu ĝuas la grandan simpation de la fervojaj direkcioj en ĉiuj landoj.
El la traktadoj evidentiĝis ke en la sekvontoj landoj la Esperantistaj kolegoj ankoraŭ ne aliĝis al la nacia kultura organizo de fervojistoj: Belgujo, Suomio, Danlando kaj Anglujo. Ŝajnas ke en la du laste nomitaj landoj ankoraŭ tute ne ekzistas tia nacia organizo. Jen bela tasko por la respektivaj IFEF-sekcioj por preni la iniciativon por krei ĝin kaj tiamaniere sekurigi al si efikan influon inter la tuta fervojistaro de la koncerna lando kaj ĉe la fervojaj direkcioj.
La celo de FISAIC, kiu jam nun grupigas pli ol 100'000 (cent mil) fervojistojn, estas, ne nur etendiĝi sur tuta Eŭropo, sed sur la tuta mondo. Ĉar IFEF jam havas membrojn en la Proksima Oriento, en Ameriko, Aŭstralio kaj Japanujo, jen estas la ebleco ke ili formu jam nun la kernon por estontaj naciaj, kulturaj organizoj fervojistaj aliĝontaj al FISAIC.
Post la FISAIC-kunveno en Montreux estis nur la aŭstriaj delegitoj kiuj esprimis sian dubon pri la fina sukceso de Esperanto. Tio estas vere stranga; ĉar se ĉiuj aliaj delegitoj sufiĉe bone sciis la francan lingvon por partopreni en la diskutoj, estis precipe la Aŭstrianoj kiu postulis konstante la tradukon en la germanan lingvon por sufiĉe kompreni kion aliaj delegitoj diris. Tio ne multe ĝenu nin; eĉ en la plej vastaj kaj plej fekundaj kampoj ĉiam troviĝos kelkaj malmolaj ŝtonoj.

H. BIPP

## INTERNACIA KUNVENO DE ESPERANTISTAJ FERVOJISTOJ, OKAZE DE UEA KONGRESO

La 5-an de Aŭgusto la fervojistoj el 9 landoj (Bulgarujo, Britujo, Danujo, Francujo, Germanujo, Italujo, Jugoslavujo, Svedujo, Sarlando) kunvenis.
La celo de tiu kunveno estis, esplori la uzon de Esperanto sur la tereno de kulturaj interŝanĝoj.
Komisiita de la Federacio Internacia de Artaj kaj Intelektaj Asocioj fervojistaj (F.I.S.A.I.C.) F-ino LEMONNIER, Prezidantino de la franca Sekcio de I.F.E.F., klarigis la celojn de tiu impona Federacio, kiu celas ebligi kulturajn rilatojn inter la fervojistoj sur internacia tereno. Jam notindaj realigoj efektiviĝis sur tiu kampo. La F.I.S.A.I.C. ricevis agnoskon de la franca Ministerio por Edukado kaj ĝi sukcesis organizi inter diverslandaj sekcioj altvalorajn manifestaciojn. Plurfoje okazis, ke la mondlingvo estas uzata.
Pro tiu fakto la delegitoj proponis intensigi la uzadon de Esperanto en tiu medio, kaj

ĉiu delegito raportis pri la agado de la landaj sekcioj ĉe kulturaj manifestacioj. S-roj GIMELLI (Italujo), DOLACIEV (Bulgarujo), PALMGREN (Svedujo), JENSEN (Danujo), GIESSNER (Germanujo) sciigis diversajn aranĝojn de F.I.S.A.I.C., ĉe kiuj Esperanto jam trovis lokon.
Kiel konkludo de tiu kunveno, F-ino LEMONNIER akcentis pri la intereso, kiun F.I.S.A.I.C. kaj pli speciale ĝia ĝenerala Prezidanto D-ro MOLLION montras por Esperanto; rilate la profesian kampon, ŝi ankaŭ atentigas la delegitojn pri la intereso vekita ĉe U.I.C. (Unuiĝo Internacia de Fervojoj) kaj pli speciale ĉe ĝia Centro de Dokumentado rilate la laborojn de I.F.E.F. por ellaboro de teknika terminaro.
En la momento, kiam organiziĝas sur eŭropa skalo la ekspluatado de la fervojoj, la fervojistoj ĉeestantaj la 42-an Kongreson, formulas la deziron, ke la *mondlingvo enigu* la fervojajn administraciojn, kaj invitas siajn landajn sekciojn, tiucele agadi.



## EL GAZETO KAJ SENDITAĴO

**Brazilio.** La RVPSC, Rêde Viacas Parana, Santa Catarina, estas unu el la plej grandaj fervojoj en Brazilio, kun siaj 3000 kilometroj da linioj. Servante al ĉirkaŭ 100 urbojn kaj multaj vilaĝoj, ĝi traveturas ambaŭ ŝtatojn, Parana kaj Santa Catarina.
Tiu fervojo ofertis al S-ro. Carlos Geiser kaj lia edzino nelimigitan nombron da liberaj vojaĝoj por fari propagandon por Esperanto.

La EFSC, Estrada de Ferro de Santa Catarina, servas en tiu ŝtato 6 urbojn kaj multajn vilaĝojn. D-ro Newton Borges dos Reis, inĝeniero de tiu fervojo kaj urbokonsilanto de la urbo Blumenau, proponis en oficiala kunsido, subvencii la esperanto-kurson en tiu urbo.

**Bulgario.** Kun granda ĝojo la Centra Komitato de Bulgara Esp. Asocio sciigas ke ekde la 2a de Junio 1957 Radio Sofia regule elsendas en Esperanto, ĉiudimanĉe dum 25 minutoj, je la 20-a horo, mezeŭropa tempo, ondolongoj 39,11 m. kaj 49,42 m. kaj je horo 23,30, ondolongoj 39,11 kaj 30,93 m. Dezirinde estas ke „Radio Sofia, Bulgario" ricevu multajn salutojn de geesperantistoj pro ĝia varia kaj interesa programo.

**Bulgario.** En „transporten Glas" la sindikata organo de bulgaraj transportlaboristoj aperis ampleksa artikolo pri nia suksesplena 9a kongreso. Raportanto estas kamarado St. Pisarov, prezidanto de la Fervojista Esperanto Asocio de Sofia.

**Ĉeĥoslovakio.** La urbo Karlovy Vary (Carlsbad) eldonas banejan Gazeton kun esperantlingva artikolo pri la banloko.

**Danio.** En Werksteds Tidende ni trovis ampleksan artikolon kun belaj fotoj kaj granda propaganda valoro. La verkinto Otto Christensen el Kopenhago meritas dankon pro sia utila laboro.

**Francio.** Granda foto pri Rijeka ornamas ampleksan artikolon, „Internacia kongreso sen tradukoj", aperintan en „Arts Cheminots", la organo de la unuiĝo „Arto kaj Intelekto" por francaj fervojistoj. La artikolo enhavas ankaŭ la fotojn de la IFEF prezidanto kaj de la grupo fraŭlino Lemonnier, gesinjoroj Mollion, kamarado Buha.

Ankaŭ en „La Vie du Rail" aperis bonegan raporton pri nia naŭa kongreso. Ambaŭ artikoloj estas la meritplena laboro de nia ĉiam aktiva prezidantino de la francaj fervojistaj esperantistoj.

**Germanio.** Sub titolo „Kun Esperanto ĉe la Adriatiko" aperis ampleksa germanlingva artikolo pri nia 9a kongreso en „Das Sozialblatt" la organo de la sociala organizo de germanaj fervojistoj. Per tiu interesa priskribo kun belaj fotoj kolego Giessner faris bonan propagandon por nia movado.
En la sama gazeto ni trovis iom malpli ampleksan instigon de kolegino E.K. kiu konvinke rakontas pri la belaj tagoj travivitaj en Rijeka dank' al ŝia scio pri Esperanto.

**Hispanio.** La esperanto-grupo „Universala Frateco" kies anaro estas preskaŭ ĉiuj fervojistoj, volonte akceptas IFEF-anojn en sia ejo, de la 7a ĝis la 10a sabatvespere. La grupanoj ŝatus gvidi eksterlandajn kolegojn tra sia bela urbo je sekvanta dimanĉo. Notu la adreson: Cooperativa de Consumo „La Adresense". Call Ruben Dario 58750, Barcelona.

**Hungario.** Itala „Informa Bulteno" sciigas ke nia hungara kolego Takàs Lajos, pasintjare aliĝinta al IFEF., jam rikoltis bonajn sukcesojn. Laŭ lia iniciato fondiĝis en la kadro de la fervojista kulturhejmo, fakrondo esperantista, kaj paralele ekfunkciis kurso por komencantoj kun 40 partoprenantoj, gvidata de nia kolego mem.
Salutkartojn sendu al: Vasutasok Szakszervezete, Eszperanto szakkör Vörös hadsereg utja 49 szàm Debrechen, Hungario.

Okaze de la Nordhungara Esperanto-renkontiĝo en julio pasinta, Dro. Stefano Bacskay, ano de la ministerio por transportaj kaj poŝtaj aferoj, raportis en fervojista fakkunveno pri nia 9a IFEF kongreso.

La junia kaj julia numeroj de la centra gazeto por fervojistoj „Magyar Vasutag" enhavis interesajn artikolojn pri nia okazintaĵo en Rijeka.

La revuo „Vasut" donis raporton sub la titolo „Sen interpretistoj".

**Italio.** Partoprenante la Italan Nacian Esperanto-kongreson la prezidanto kaj redaktoro de IFEF varbis por nia movado Dro. Inĝ. Giordano Azzi, Direktoro de la ŝipservoj sur lago de Como kaj Generala Direktoro de publiktransportoj en Como kaj Provinco. En la nomo de nia anaro ni kore bonvenigas Dro Inĝ. Azzi en IFEF.

**Polio.** Kamarado Nowomiejski, la nura partopreninto el Polio al nia 9a kongreso, raportis pri siaj impresoj en la fervojista sindikata organo „Signaly".

**Svedio.** En la por-fervojista gazeto „Sj. Nytt" nia kolego B. S. Agren raportis pri nia 9a. Lia bonega artikolo estas ornamita per la kongresfoto. Ankaŭ en la sindikata organo „Signalen" aperis raporto de kolego Agren.